## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutzsch, No. 27.857“, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

# Varbu abonantojn!!!

## Ni atingu la unuan milon!



## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

Angla: F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.

Aŭstra: Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9.

Belga: Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles, poŝtĉ. 124.801.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin.

Dana: La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkto. 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago.

Estona: Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, Pirot, Serbio, Novosádska 17.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR).

Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.

／# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

8-a jaro. Numero 2/3
Februaro/Marto 1929

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Hübnerstrasse 20, Dresden A 24, Germanujo.
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Administrejo: KARL KRÖBER, Weststrasse 4, Riesa a. d. Elbe, Germanujo,
Poŝtĉekkonto Dresden 110715.



## Voĉoj de l' homaro.

### Juan Luis Vives pri la historia instruado:

Militojn kaj batalojn oni pritraktu ne detale, ĉar tio allogas al malbonaj faroj kaj montras vojojn, sur kiuj homoj povas kaŭzi unu alian domaĝon. Sufiĉas, malmultvorte mencii, kiu partio unue ekprenis la batalilojn, kiuj viroj ambaŭflanke estris la armeojn, kie oni batalis, kiu el ili estis venkita, kaj kio sekvis el tio.

Pritraktu ĉion tion kiel kutiman rabistan aferon; la plej multaj militoj estis ja vere tia, escepte, se ili estis entreprenitaj kontraŭ faktajn rabistojn. Sed io tia okazas nur tre malofte de la nuntempaj kristanoj. — — —

Estas malinde, memorigi la farojn de homa malracio, sed ne same la verkojn de homa racio.

### Pri gimnastikaj ekzercoj en lernejoj:

Gimnastikaj ekzercoj streĉu adoleskulojn iom pli ol knabojn. Piediroj estu nun pli longaj kaj lacigaj. Kurado, saltado, ĵetado kaj luktado estu agataj laŭ pedagogia celo, ne laŭ soldata maniero, ĉar tiaj ekzercoj estas utilendaj ja nur por refreŝigo de la fortoj, por ke la junulaj korpoj plifortiĝos, kaj manko de sano ne malhelpu la spiriton.

(El „De disciplinis", 1531. [Pri la sciencoj] de Vives, naskita en 1492 en Valencia-Hispanujo, studinta en Paris, mortinta en 1540 en Brügge-Belglando.) R.

# Valoro de Mondhelplingvo.

Alice V. Morris.

La aŭtorino de la sekvanta artikolo — Sinjorino Alice V. Morris (Mrs. Dave H. Morris) en New York — al la legantaro de nia gazeto jam estas sufiĉe konata kiel fervora kaj energia antaŭbatalantino por la ideo de mondhelplingvo kaj kiel la ŝatata reprezentantino de' I A L A. Certe la legantoj ĝojos, legi artikolon de ŝi en nia gazeto. Demandite, ĉu ŝi permesos tradukon de artikolo, (verkita de ŝi por „The Bahá'i Magazine", June, 1928, No. 3, paĝ. 93—96), ŝi afable donis la permeson.

Martha Moelke,
sekretariino de „Kunlaborado".

Mia intereso por la ideo de ĝenerala helplingvo estis vekata la unuan fojon per D-ro F. G. Cottrell, kiu estas tre famekonata kiel eksperimentanta kemiisto en Ameriko kaj Eŭropo. Li montris la bezonon de tia lingvo por scienculoj kaj la malhelpaĵojn kaŭzatajn per nacia ĵaluzo. Li rakontis pri drama okazintaĵo en la kongreso de la „International Union of Pure and Applied Chemistry" (Internacia Unio por Pura kaj Aplikata Kemio") en Bruxelles, en Aŭgusto 1919, kiam ekestis vigla diskuto pri la bezono al internacia kemia gazeto pri abstraktaĵoj. La kemiistoj tre entuziasmiĝis por la ideo, aperigi tian gazeton. Tiam la diskuto koncentriĝis al la elekto de la lingvo, en kiu la gazeto estu presota. Oni konstatis, ke oni por atingi labormaksimumon, ne povos ŝpari laŭnecese, se oni ne uzos nur unu lingvon. La angla kaj franca lingvoj havis la plej grandan nombron da defendantoj, sed oni ne povis atingi unuanimecon. Ripetitaj kalkuloj montris, ke oni eble dum severa ŝparado kaj limigo de la amplekso al minimumo povus pagi la gazeton, se ĝi estus presota en du lingvoj, la angla kaj la franca. Sed apenaŭ tiu sugesto estis konsiderata serioze, la italoj jam argumentis, ke Italujo kompreneble ankaŭ devus esti atentata, se oni deirus de la unua ideo, uzi nur unu lingvon. Ne ekzistis ebleco, pagi gazeton en tri lingvoj, — kaj la sonĝo falis kiel dometo el ludkartoj.

Post kiam mi estis aŭdinta ĉi tiun rakonton de D-ro Cottrell, mia intereso konstante pliserioziĝis. Sed antaŭ ol mi parolos tro serioze, mi rakontos al vi alian rakonton. Angla sinjorino en hispana restoracio klopodis mendi sian plej ŝatatan manĝaĵon — fungojn kaj lakton. Post multaj sensukcesaj klopodoj, interkompreniĝi kun la kelnero, ŝi prenis lian krajonon kaj desegnis la bildojn de fungo kaj de bovino. Ridedante, kvazaŭ kompreninte, li foriris de la sinjorino, kiu esperis finan sukceson, kaj revenis, ridetante ankoraŭ pli triumfe, kaj prezentis al ŝi ombrelon kaj du enirkartojn por bovobatalo.

Sed nun mi estu pli serioza. Mia intereso profundiĝis speciale rilate la demandojn de evoluo kaj eduko. La evoluo de sisteme konstruita lingvo, kunmetita ĉefe el elementoj de aliaj lingvoj, povas — vidata en la lumo de evoluo — esti rigardata kiel io, kio fine eniris la arenon de konscia vivkontrolo. La biologisto nun pliampleksigas siajn esploroјn pri malrapida kaj nekonscia evoluo de la specoj en la naturo per inventistaj metodoj de kunlaborado kun la naturo, por tiamaniere konscie kaj relative rapide evoluigi novajn specojn aŭ variaĵojn. La kemiisto kompletigas la analizon per sintezo tiel, ke oni nun povas paroli pri „kreanta kemio". La psikologo ne plu

finigas siajn laborojn, studante, kiel la spirito laboras, sed li pli profunde eniras en la prilaborendan grundon, kiel oni laborigas la spiriton. Ĉar la homo pli kaj pli en la fizika kaj spirita regionoj kunlaboras kun la naturo, kial li tion ne ankaŭ kapablus en la vasta spirita regiono, la lingvo?

Konsiderante la aferon en la lumo de la edukaj problemoj, mi kredas al la idealo, ke en ĉiuj lernejoj de l' mondo la gepatra lingvo devas esti instruata elfundamente kaj tre ampleksmaniere — laŭ la tipo de la individua raso kaj nacia tradicio; kaj apude **unu** simple konstruita helplingvo, ĉie la sama — laŭ la tipo por la frateco de rasoj kaj internacia interkompreniĝo. Sed la lernejaj planoj estas tro ŝarĝitaj. La enkonduko de nova lerneja fako estos ĝeneraligata nur tiam, kiam la koncerna fako havas notindan edukan valoron, ĉar ĝi kapabligas la lernanton, kompreni la vivon pli adekvate kaj feliĉe, ol li povas fari tion sub aliaj kondiĉoj. Kaj ĝuste tio, laŭ mia kredo, plenumiĝus per la ĝenerala instruo de Esperanto aŭ alia simila lingvo, kiu evoluiĝis el simpligita sintezo de Eŭropaj lingvoj. Eksperimentoj, jam faritaj antaŭ pli ol dekkvin jaroj en la lernejoj de multaj Eŭropaj landoj, konvinkis edukistojn kiel Prof. Pierre Bovet de la universitato Genève kaj Prof. J. J. Findlay de la universitato Manchester, Anglujo, la aŭtoron de la „Foundations of Education" (Fundamentoj de Edukado) pri tio, ke la instruo de Esperanto havas jenajn edukajn valorojn:

1. Helpo por la studado kaj uzado de la gepatra lingvo.
2. Helpo por la studado de aliaj fremdaj lingvoj.
3. Konstruo-instigo por la kreanta instinkto.
4. Spirita impulso.
5. Helpo por plivastigado de l' spirita horizonto.

Raportoj senditaj antaŭ nelonge el lernejoj en Anglujo kaj Germanujo, en kiuj Esperanto en periodoj de kvin ĝis dekkvin jaroj estis instruata, konfirmas tiajn juĝojn. La direktanto de la „Trade and Grammar School", Keighley, Anglujo, skribas:

> „Ni instruas Esperanton en nia lernejo kiel unuan fremdan lingvon. La knaboj post dujara studado komencas lerni la francan lingvon en aĝo de ĉirkaŭe 12-jaroj."
>
> „Ni konstatis la sekvantan studadon de la franca lingvo post ĉi tiu unua studado de fremda lingvo senescepte valora rilate la gramatikon."

La juĝo, ke Esperanto en lernejoj estas helpo por plivastigado de la spirita horizonto estas de speciala intereso por la hodiaŭa mondo. En la plej multaj lernejoj, kie Esperanto estas instruata, ĝi estas uzata kiel korespondilo inter lernejaj infanoj de diversaj landoj. Ĝi akcelas pli bonan komprenon de geografio kaj historio kaj pli grandan kaj pli simpatian intereson por kutimoj, literaturo kaj arto de fremdaj popoloj.

En la lernejo de nia propra lando, kiu komencis enkonduki Esperanton en la lernejan planon, en la „Montezuma Mountain School for Boys" en Kalifornio, la lernantaj knaboj korespondis kun anoj de alilandaj popoloj dum ĉirkaŭe kvar jaroj. En Aprilo 1925 la direktanto skribis al mi la jenon:

> „Nia tuta lernejo ne nur treege celas konvinki aliajn lernejojn, ke helplingvo estas urĝa bezono, sed ankaŭ, ke Esperanto interesigos nin pri diversaj tutmondaj aferoj."

„Ni postulas Esperanton por la »Grammar School« (mezgrada lernejo) kaj trovis, ke la knaboj fariĝas pli viglaj kaj pli profunde interesataj. Ilia kompreno de la angla gramatiko esence pliboniĝis. La knaboj diras: ‚Estas facile rekoni substantivon en la subjekta formo tiel bone kiel en la objekta formo, kaj la aliaj partoj de l' parolado havas difinitan formon kaj povas esti trovataj pli facile ol en la angla lingvo.‘ Do, ni profundigis la intereson pri la angla lingvo. Due, la instruisto de la latina lingvo en la „High School“ (Supera Lernejo) trovas siajn lernantojn pli bone preparitaj per granda nombro da vortoj jam lernitaj kaj per la kompreno pri kazoj kaj verbtempoj.“

„Ni proponas duan jaron por Esperanto-kurso en „High School“, fidante al sufiĉa nombro da lernantoj. Feliĉe Stanford estis sufiĉe tolerema, por fari koncesiojn al tia fido.“

Mallongan tempon antaŭ la tertremo en Japanujo niaj knaboj deziris provi la praktikan uzadon de Esperanto, kaj ili kolektis sumon da mono, korespondis en Esperanto kun Esperanto-delegito en Japanujo kaj sendis al li la monon por disdoni ĝin en ilia nomo. Li ne sole disdonis la monon konfidinde, sed ankaŭ sciigis nin pri ĉiuj detaloj, kiel la afero efikis sur la popolon. Ili estis kvazaŭ frapitaj pro dankemo, sed ankoraŭ pli ol surprizitaj, ĉar ili ricevis la monon kaj la varmajn vortojn de Kaliforniaj knaboj. Ju pli Kalifornio antaŭ nelonge esprimis multajn neamikajn sentojn, des pli esprimiĝis la dankeco de la urbestro al ni en la plej ĉarma japana maniero. Niaj knaboj estis pro tio tre emociitaj.“

Mi opinias, ke la samaj rezultoj estus atingitaj ankaŭ per la lernado de iu ajn alia helplingvo, simile simple kaj logike konstruita kiel Esperanto — ekz. Ido, Nov-Esperanto, Occidental — kaj mi opinias, ke studado de tiuj nur malmulte inter si variantaj sistemoj, ankaŭ kiel Lationo sine flexione, por plenaĝuloj estus valora. Sed mi pensas, ke estas pli prudente, uzi dum la laboro en la lernejo Esperanton, ĉar ĝi estas fakte la sola helplingvo, kiu disponas pri granda provizo de presita materialo, kaj kiu havas sufiĉe grandan nombron da adeptoj, disvastigitaj super ĉiuj kontinentoj, por ebligi mondampleksan korespondadon inter la tutmonda junularo.

La mencio de diversaj helplingvoj kondukas al demando, regule ripetata de instruistoj kaj gepatroj, kiuj pripensas, ĉu estas konsilinde, enkonduki Esperanton en la lernejan planon. Kvankam ili estas konvinkitaj pri ĝia eduka valoro, ili demandas: Ĉu ekzistas garantio por ĝia praktika valoro kiel interkomprenilo ne nur por la estanteco, sed ankaŭ por la estonteco? Respondo al ĉi tiu demando estas donata ne nur per la historia evoluo de la helplingvomovado depost la laŭmeteora ekesto de Volapük en la jaro 1880 kaj per ĝia anstataŭado malmultajn jarojn poste per Esperanto.

Du faktoj evidentiĝas. Unue: m o d e l o de helplingvo ekzistas, kiu estas pruvinta, ke ĝi estas praktika kaj ĝuoplena interkomprenilo, nome, modelo de lingvo, kiu havas siajn radikojn en Eŭropaj lingvoj kaj kies gramatika konstruo estas eksterordinare simpla. Due: estas facile por ĉiu, kiu elfunde scipovas sistemon de tia sinteza modelo de lingvo, lerni kaj kompreni iun ajn alian sistemon. La hornombro por la studado ŝajnas varii laŭ la kapableco de la studantoj kaj laŭ la provizo de la lernitaj naciaj lingvoj de du aŭ tri ĝis ĉirkaŭe dudek.

Ŝajnas ne nelogike, rigardi la rezultojn, kiuj evidentiĝas el ĉi tiuj faktoj

kiel profetaĵoj por estonta evoluo. Nuntempe personoj, kiuj havas spertojn rilate unu el la malmultaj sistemoj, kiuj estas uzataj, kaj kiuj iomete konas la aliajn sistemojn, kapablas, libere interparoli kaj korespondadi kun ĉiu alia, dum kiam ĉiu uzas sian propran sistemon. Mi mem partoprenis tiajn interparoladojn inter anoj de la kvin cititaj sistemoj. El tio oni povas konkludi, ke personoj, kiuj nun lernas iun ajn sistemon, post la oficiala rekomendo de certa formo de helplingvo per estonta decida internacia komisiono nature dispartiĝos en du grupojn. Ambaŭ grupoj komprenseble rapide lernos la oficiale rekomenditan formon. La unu grupo konsistas el personoj, kiuj ankoraŭ uzos siajn malnovajn konatajn sistemojn, ĝis kiam ili iom post iom tiamaniere estos kaptitaj per la aŭdado kaj legado de la oficiala formo, ke ili preskaŭ nekonscie komencos apliki tiun ĉi mem. La alia grupo tuj plifortigos sian klopodon, kiu estas necesa, por majstri la uzadon de la nova formo, klopodon, kiu estos kompreneble pli granda, ol la preskaŭ senzorga peno, kiu estas necesa, por lerni kaj kompreni ĝin.

La „Columbia University" starigis efikplenan someran Esperanto-kurson. La „Cleveland College" faris Esperanton oficiala parto de sia lerneja plano; do, ekzistas vasta intereso en ĉiuj partoj de la „College"-institucioj en Texas, rezultinta el la granda sukceso de la Esperanto-klasoj de Prof. Kenngott ĉe la „Texas-University", kie pli ol ducent studantoj enregistrigis sin.

La „International Auxiliary Language Association, (IALA) 525 West 120th Street, New York City, prezentas hejman kurson por instruistoj kaj aliaj plenaĝuloj.

Ĉi tiu asocio prezentas ĉiun aŭtunon en New York City eksterordinaran kurson, speciale, sed ne ekskluzive, por instruistoj. La kurso konsistas kutime el dek lecionoj de unu horo kaj etendiĝas super periodon de dek semajnoj. Simila kurso, sed konsistanta el kvin lecionoj de du horoj dum periodo de kvin semajnoj, okazos en Washington dum la printempo 1929.

La asocio ankaŭ havas ĝeneralan lingvan kurson kun Esperanto-teksto en presita formo.

Pluajn informojn rilate la supre cititajn kursojn oni ankaŭ povas havigi al si per skriba demando al la ĉefoficejo de la asocio.

Oni povas esperi, ke ĉiuj, kiuj havas veran entuziasmon pri la disvastigado de ĝenerala helplingvo, entreprenos ion, por ĝenerale diskuti la aferon kun instruistoj, edukaj institutoj kaj edukistoj, atentigante ilin pri la bezono kaj la postuloj de l' tempo.

Fine ni resumu la avantaĝojn de Esperanto:

Unue: Esperanto havas gravan edukan valoron, kiel helpo por studado de aliaj lingvoj, precipe de la angla gramatiko, de la franca, germana kaj latina lingvoj. Ĝi malpli longigas la tempon, kiu estas bezonata por tiuj aliaj studoj kaj faras ilin pli agrablaj. Pro tio ĝi ne estos enkondukata en lernejan planon kiel konsumanto de plua tempo, sed kiel parto de koordinata programo por lingva studado.

Due: Esperanto povas fariĝi grava helpilo por plivastigado de l' horizonto. Korespondigu la infanojn de l' mondo rekte inter si sen la prokrasto kaj la forigo de la intereso, kiu rezultas el la perula traduko. Ĉu ne ĉi tiuj samaj infanoj iam estiĝos viroj kaj virinoj, kies vekita fantazio fariĝos sufiĉe forta por formi la politikon de nova mondo, en kiu la sento de mondfrateco rezultigos praktikan kunlaboradon?

# La sanskrita radiko „mar".

Hugo Dreusicke, Kassel (Germanujo).

(Fino.)

Eĉ ekzistas tria modifio de „mar" kun finiĝanta gorĝa sono aŭ palata malmola konsonanto, nome „marĥ", egala je sanskrita: yaĥ = demandi; de: yâ = iri. Per simila procedo, kvankam por alia celo, estas formita la lat. vorto: „marcus" (granda martelo aŭ piŝtilo), vorto uzata en Rom kiel persona nomo: Marcus, Marcius, Marcianus, Marcellus; vorto reaperinta en pli malfruaj tempoj en la historia nomo: Karl Martell. En la sanskrita lingvo kontraŭe la verbo „mris" kun fina palata sono s esprimas la ideon de la delikata tuŝetado kaj ricevas kun aŭ per certaj prepozicioj la signifon: pripensi, reflekti, konsideri. Kiel en la latina lingvo: „mori" (morti) signifas origine: velki, tiel „marcere" prezentas la saman ideon en la dua formo. Ĝi signifas: esti velkinta, laca, inerta, kaj estas subtenita, firmigita, per la adjektivo: „marcidus". La greka adjektivo „malakos" signifas: delikata kaj glata, origine glate frotita, kaj fine ĝi ricevas la signifon: moleta, dorlotita kaj malfirma, malstreĉita.

Unu el la plej regulaj modifioj de la formo „mar" estus mrâ; ĝi signifas en la formo „mla" (sanskrite): velki, neniigi. Ĉar en la greka lingvo ml ofte estas anstataŭata de bl, oni ne eraras, reduki sur tiu bazo la vorton; blax (elp. blaks) signifanta: korpore kaj spirite moleta, malstreĉita; plue la gotan vorton: malko — simpla, ne ruza, naiva, stulta; malstreĉita kaj malspirita, malsaĝa, stulta estas uzataj en multaj lingvoj kiel sinonimoj. Do ne estas tute senverŝajne, ke ankaŭ la greka vorto moros (stulta, malsaĝa) devenas de la radiko „mar"; eble ĝi signifis komence: moleta.

Nun oni pripensu, ke multaj signifoj reciproke interrilatas; tio, kio laŭ unu vidpunkto aspektas uzumita kaj neniigita, aliaflanke estas vidata glata kaj brila. Kaj tamen la krea genio de la homo kapablas esprimi ambaŭ ideojn per la sama radika elemento. En „omorgnymi" estas fiksita la signifo: froti kaj pureviŝi, dum „amelgo" kun la sama fundamenta ideo transiras al la ideo de la melkado. Kaj plue oni povas observi kiel trian ideon tiun de la frotado en la signifo deŝiri, en la greka lingvo estas esprimata per mérgo aŭ amérgo.

Pensante, ke la radiko „mar" fortikigita anstataŭ per la ĵus pritraktita gorĝa sono per lipa sono ĉe la fino, oni vidas la formon: „marp", trunkon ofte uzatan de la grekaj poetoj. Ĝenerale ĝi estas tradukata per: kapti, ekkapti; sed oni perceptas restojn de ĝia fundamenta signifo en esprimoj kiel: ĝeras émarpse = la maljuneco frakasis lin, faris lin mola, rompebla; aŭ: ŭdi chthóna márpte podoîin = ŝi ne tuŝetis la fundon (la teron) per la piedoj.

Ĉi tia nova bazo „marp" povas akcepti la formojn: malp kaj mlap. Plue rememorante la rimarkon pri la aliformiĝo de la en la greka lingvo komenciĝanta ml je bl, oni venas al la nova bazo „blap", bone konita en la vorto blápto = malfortigi, malhelpi, difekti. (Angle: to mar = [makuli, difekti, pereigi, detrui].) Ĉi tiu blápto ankoraŭ vivas en la angla verbo: to blame, france: blâmer por blasmer, kiu estas kripligita el blasphémer = blasfemi. La greka blasphêmein ree staras por blapsiphêmein, laŭvorte: malutile paroli, kalumnii; ankaŭ uzata kiel kontrasto je euphêmein = laŭdi, bone paroli pri iu.

Inter la idoj de la prapatro „mar“ la radiko „mard“ speciale distingiĝas per fekundeco da ĝermformoj. Ĝi ekzistas en Sanskrito kiel mridnati kaj kiel mradati en la senco: disfroti; tamen ĝi ankaŭ precipe kun prepozicioj estas uzata en la signifo: dispremi, kontuzi, venki, subigi. De ĉi tiu radiko ekzistas la sanskrita mridu = mola; la latina mollis (mard, mald, mallj) = mola; la malnovslava mladu (maldu), kaj — kvankam formita per alia sufikso — la angla mellov = mola. En ĉiuj vortoj estas uzata io frotita ĝis pulvo, pulvoro, kiel reprezentanto de la moleco kaj tuj transigita al morala moleco kaj dolĉanimeco. La polvo mem estas per la sama radiko en la plej simpla formo nomita mrid; kaj tiu ĉi vorto malfrue ricevis — krom la signifo: polvo — la signifon de la fundo ĝenerale aŭ de la tero, kiel ekz. la ira vorto kaj gaela „uir“ signifas polvo kaj tero.

La gota vorto malma = ŝablo, la novaltgermana zermalmen = frakasi kaj la gota malvjan, kiun Ulfilas uzis samsence, apartenas al la sama vortklaso.

En la latina lingvo el tiu ĉi radiko diversaj branĉoj elkreskis. Malleus (martelo) staras verŝajne por mardeus, kaj eĉ martellus — se ĝi ne staras por marcellus — pretendas la saman parencecon. En dua formo oni trovas la radikon en la latina vorto mordere = mordi, ŝiri per la dentoj; origine: polvorigi, frakasi.

En la angla lingvo estas konvene kunigita „to smart“ kun mordere, ĉar „s“ estas formiga konsonanto, plu atentota. „A wound smarts” signifas: vundo mordas aŭ doloras. Ĝi nun estas uzata ĉe ĉiu fortega, pikanta doloro; dume la germ. vorto doloro havas pli ĝeneralan signifon.

Ĉi tiu radiko „mard“, la greka: méldo (fandi, moligi) alprenas tute regule la formon malt aŭ melt; ankaŭ ne estas dubende, ke la angla verbo to smelt origine signifis moligi, nome ne nur moligi per martela bato, sed ankaŭ per la lekado (tuŝado per la lango) de la fajroflamoj, ĝenerale per efiko de la varmo. La germana verbo schmelzen (fandi) estas samsignifa kaj estas uzata transitive kaj intransitive: fandi, fandiĝi; malnovaltgerm. smalzjan kaj smelzan. Atentu nun la sagacan, genian konduton de la lingvo. Oni bezonas esprimon, por indiki la moligantan, kvietigan influon, kiun homo per rigardo, gesto, vorto kaj preĝo efikas sur alian homon. Kio estas farenda? Oni ekkaptis la saman radikon, kiu pli frue jam enhavis la ideon de la glatigado de malglata supraĵo, de la moligo kaj likvidigo de solida substanco, kaj per iometa aliigo la radiko „mard“ estis fiksata kiel la sanskrita formo mrid aŭ mril = kvietigi. En tia senco ĝi estis precipe uzata rilate al la diaĵoj, repacigotaj per preĝoj kaj oferoj. Ĝi ankaŭ intransitive estas uzata rilate al la diaĵoj, kiujn oni petis, petegis, ke ili moliĝu, kvietiĝu kaj indulgu; kaj preĝoj, nun tradukataj: „Indulgu nin“ signifis komence: „fandigu nin, ho dioj“.

El ĉi tiu fonto fluas la gota, germana kaj angla: mild = milda; origine: molega, kvieta. La litova lingvo pruntepreni el la radiko sian nomon por amo = meile; kaj en la greka lingvo oni trovas: „meilia = ĝojigaj donacoj aŭ donitaĵoj por repacigo; ankaŭ „deliciae“ kaj derivitaj formoj kiel meilisso = kvietigi, kaj meilichos aŭ meilichios = kvieta, molega.

Tio ĉi estis unu flanko, de kiu la procedo de la fando aŭ fandiĝo estis observata; sed ekzistas ankaŭ dua, same natura flanko, nome la fandiĝo, konsumiĝo pro sopirado kaj dezirego pri objekto. Oni diras: Homo fandiĝas, konsumiĝas pro amo aŭ ĉagreno, kaj la grekoj diris samsence: meledaino =

mi fandiĝas, t. e. mi ĉagreniĝas pri io, kaj derivis je tio: meledone = zorgo, ĉagreno. Ankaŭ al la participo: meldómenos la scienculo Hesychius atribuas la signifon: sopiranta. Sed plu. Supre estas menciite, ke por la okaza malapero de komenca m'o en la radiko „mar“ estas citeblaj sufiĉaj dokumentoj. Pro tio oni estas prava, nomi la grekan „eldomai“ kaj la originan vorton „méldomai“ la sama vorto. Sed kion signifas „éldomai“ en la greka lingvo? Ĝi signifas: sopiri (konsumiĝi) pri io; tio estas, ĝi havas precize tian signifon, atentotan, se oni supozas derivon de la radiko, enhavita en méldo = fandiĝi.

Ankoraŭ ni faru unu paŝon plu. Ke la radiko „mar“ estas fortigata je „marp“, oni vidas ĉe la greka vorto márpto: ekkapti. Ankaŭ mélpo estas uzata greke en la senco de la repacigo, origine de la kvietigo, fando. Serĉante nun konformajn esprimojn sen „m'o“, oni povus certe citi élpomai, kiu tamen signifas esperi, sed origine ankaŭ povus esti signifinta: sopiri. Ne estas sen graveco, ke Hesychius ĝuste la formon esperotan citas, nome: mólpis, anstataŭ la kutima formo élpis = espero.

Dum ĉi tiuj esploroj kelkfoje estas observita la litero s, antaŭmetita al la radiko „mar“. Ĝi estis traktita kiel modifanta elemento, aldonita nur je la celo, distingi vortojn, deziritajn dise. Ne esploronte pli akurate la veran originon de ĉi tiu s'o, tamen oni povas supozi kiel fakton, ke la sanskrita radiko „smar“ estas proksime parenca je la radiko „mar“. La pruvo, kiamaniere la signifo de „smar” (memori) povis evolui el la signifo de „mar“ (polvigi), ne supozas specialan malfacilecon.

Kiel dirite kelkfoje, la ideo de la fandiĝo transiris iom post iom al la ideoj: ami, esperi, sopiri, deziri; do la fundamenta signifo de „smar“ (sanskrite) ne estas: memori, sed deziregi. Ekzemple „smara“ signifas amo; same kiel la litova meile — amo, t. e. fandiĝo. El ĉi tiu signifo „deziregi“ disiris novaj signifoj, ekz. restadi ĉe io, mediti pri io, kovi kaj fine: memori. En la aliaj arjaj lingvoj la komenca s'o ne aperas. En la latina lingvo troviĝas memor, memoria, memorare; ĉio en la signifo: memori; sed en la greka lingvo mermairo (ankaŭ mermerizo) signifas: heziti, pripensi ion, ĉagreniĝi; mérimna estas zorgplena pripensado, kaj eĉ „mârtyr“ tute ne devas karakterizi la memorulon, atestantulon, sed ankaŭ personon ĉagreniĝantan pri io, ulon, kiu ŝatas ion kaj restas ĉe io.

Provinte malkonfuzi ĉi tiun miksaĵon da vortradikoj, Max Mueller batalis por la ĉefa celo, postiri kaj esplori la iom-post-ioman kreskadon de la ideoj, la malrapidan progreson de la spirito de la opaĵo, de specialaĵo, al la ĝeneralaĵo, de la materio al la spirito, de io konkreta al io abstrakta. Froti kaj glatigi kondukas al la ideo: repacigi, kvietigi; konsumi kaj velki estas esprimoj, uzeblaj pri la konsumiĝantaj emocioj de la espero trompita, kaj ideoj kiel memoro aŭ martireco sin vestas en vortoj ĉerpitaj el la sama radiko.

La sorto de ĉi tiu unu radiko „mar“ estas nur unu malgranda, malgrava ĉapitro de verko, enhavanta la historion kaj la kreskadon de la arjaj lingvoj. Sed oni jam el la malgranda ĉapitro povas ĉerpi imagon pri la potenco kaj elasteco de la radikoj kaj pri la senlima influo de la metaforo je la evoluo de novaj ideoj.

Ĉu la influo de la sanskrita lingvo ĝenerale kaj de la radiko „mar“ speciale ankaŭ estas rimarkebla kaj konstatebla en orientaj lingvoj?

# Pri la termino „klerigo“.

(Lingva-historia studaĵo.)

D-ro Kurt Riedel.

La substantivoj estas nomoj aŭ de ia estaĵo, kiu de io simila povas esti distingata space respektive tempa (ekz. tablo, hundo, triangulo, tagmezo, vento), aŭ de io, kio de io simila povas esti diferencigata nur sence (ekz. honoro). Ĉu k l e r (e c) o estas limigebla de samspeca eco space respektive tempe aŭ nur sence? La terminoj por senviva realaĵo, por vivaĵo, por figuro kaj periodo estas enkondukataj relative facile en la tutmondan uzadon; estas pli malfacile, doni nomon al io, kio ne space aŭ tempe sed nur sence povas esti distingata de io simila. Kial? — Ĉikaze la termino enhavas la spiriton de kultursituacio, en kiu ĝi ekuziĝis.

Homo historie instruita aŭdas el la esprimo k l e r (e c) o la okcidenteŭropan filozofion de la 17-a kaj 18-a jarcentoj.

Etimologie la vorto k l e r a estas parenca al la vorto k l a r a, kiu devenas de la latina adjektivo „clarus“ (france: clair, angle: clear). La vorto venis el la latina lingvo ĉirkaŭe dum la 13-a jarcento en la germanan. Ankaŭ en la dana kaj sveda lingvoj tiu radiko troviĝas en la formo „klar“. Lingvistoj supozas parencecon inter la latina „clarus“ kaj la gota „hlas“ (= gaja).

Kial ekzistas la vorto k l e r a Esperante apud la vorto k l a r a? Oni diras: Klara akvo, klara ĉielo — sed: klera homo. Germanaj kaj romanaj esperantistoj sentkomprenas la esprimon k l e r a ankoraŭ en la signifon de la radiko k l a r a — proksimume tiel: Klera homo estas spirite klara homo. Aliaj esperantistoj povas ekkoni nur filologie tiun parencecon.

Certe kelka germana pedagogo sentpensas kun mi, ke la esprimo k l e r (e c) o ne elĉerpas la sencon de la intencata ideo. Mi preferas al la termino k l e r o la vorton s i n f o r m a d o, aliaj pedagogoj verŝajne la vortojn e d u k i t e c o, i n s t r u i t e c o. Mi uzas ne volonte la espirmon k l e r i g o anstataŭe por i n s t r u a d o aŭ e d u k o; ĉar oni donas nomon nur al la farado de instruisto aŭ edukisto, kiam oni diras: instrui, eduki; sed per la termino k l e r i g i oni donas samtempe nomon al procedo en la lernulo, kvankam neniu povas scii, ke tiu procedo reale okazas.

La esprimo k l e r i g i ekaperis en la germana pedagogia literaturo komence de la 18-a jarcento. La vortoj klerigi kaj klariĝi samsonas germane, nome: auf**klären** kaj sich **klären.** La historia origino de la germana pedagogia esprimo „aufklären“ (klerigi) estas ankoraŭ iomete malhela. Kelkaj pedagogiaj verkistoj skribis siatempe „erleuchten“ (= eklumigi, angle: to enlighten) en la senco de „aufklären“ (klerigi), kelkaj skribadis ambaŭ interŝanĝe.

La esprimo „erleuchten“ (= eklumigi) havis ankaŭ religian signifon. Ĝi aludas la „lumon naturan“ (latine: Lumen naturale), kiun kelkaj homoj iam kredis posedi krom la „Dia revelacio“. La „lumo natura“ signifis la senperan evidentecon de la raciaj ekkonoj, depost Cartesius (1596—1650) skribis la frazon: „Ĉio tio estas vera, kion mi perceptas treege klare kaj distingante.“

Sekretaj asocioj, kiuj volis aludi, ke ili kontraŭbatalas spiritan malhelon, devenigis sian nomon de la radiko „lum-“, ekz. la „A**lum**brados“ (en Hispanujo) kaj la „I**llum**inatoj“.

Krom „lumen“ enhavas la latina lingvo la vorton „lux“, „lumen” pli signifas ion lumigantan, „lux” ion lumantan. Malnove romaj verkistoj uzis jam la kombinaĵon „lux veritatis“ (= lumo de l’ vero), Cicero: „Sententiae auctoris lucem desiderant“ (= la pensoj de l’ verkisto lumon [klarigon] deziras). Estas interese, ke la humanisto J. L. Vives en sia tre grava verko „De disciplinis“ (= pri la sciencoj) skribis (1531): Excolitur et purgatur animus iis, quae illi vel lucem adferunt, ut noscat, vel ardorem, ut quae amanda sunt, prosequatur, fugienda vivet.“ (La animo estas klerigata kaj purigata per tio, kio al ĝi portas aŭ lumon, por ke ĝi perceptu, aŭ la ardon, postiradi ĉion amindan, evitadi ĉion maldezirendan.) Sur la kampo de l’ teorio de ekkono Vives estis antaŭulo de Cartesius.

Leibniz elektis en siaj germanlingvaj verkoj la vortojn „erleuchten“, (= eklumigi, heligi, lumumi), „Erleuchtung“ (= heligo), kiam li volis esprimi la saman penson, kiun li esprimis per la vortoj „éclairer, éclaircissement“ en siaj franclingvaj verkoj.

Germanaj verkistoj ekaplikis la esprimon „erleuchten“ (= eklumigi) je spirita procedo pli frue ol la vorton „aufklären“ (= klarigi) en la senco de la Esperanta vorto k l e r i g i. Oni imagis unuakaze iun malhelan ejon, kiu fariĝas hela per lumo, duakaze iun fermentintan trinkaĵon, kiu klariĝas.

La germana pedagogo Erhard Weigel (1625—1699) skribis: Ĉiu estas avida laŭnature, ke lia intelekto, kiu, naskiĝinte, estas tre malhela, estu lumumota kaj garnota per sciencoj, sciigoj kaj rakontoj. (Von der Wirkung des Gemüts, die man das Rechnen heiszt, Jena 1684, § 3, = Pri la efiko de la animo, kiun oni nomigas kalkulado). En tiu verko troviĝas ankaŭ la bildeca esprimaĵo: per klara imagaĵo premi veraĵon en la intelekton (§ 6).

Estas tre rimarkinde, ke komence de la 18-a jarcento en la anglaj moralaj semajngazetoj (de Steele kaj Addison) la vorto „to enlighten“ (= eklumigi) estis uzata, por el ĝi formi la terminon: k l e r a epoko. Anstataŭ: k l e r a e p o k o oni diradis en germanlingvaj landoj dum la dua duono de la 18-a jarcento „Aufklärung“. Pli frue tiu germana vorto estis uzata nur en la senco de klarigo, nun eksignifis ĝi k l e r i g o n. En tiu ĉi signifo la vorto transiris en la anglan lingvon. Murray klarigas en „English dictionary“ (Angla vortaro) 1897 „Enlightement“ kiel la tradukon de la germana vorto „Aufklärung“, de la nomo, kiu signifas la spiriton de la franca filozofio en la 18-a jarcento.

La vorto „aufklären“ en la senco de klerigo troviĝas unuafoje en la morala semajngazeto, kiun la profesoroj Bodmer kaj Breitinger eldonadis en Zürich (Svislando) depost 1721 sub la titolo „Diskurse der Maler“ (= Interparoloj de pentristoj*). Jam en la unua jarkolekto oni povas legi la frazon: La angla semajngazeto „Spectator“ disvastigis ĉie la sanan prudenton, klerigis animojn, plantadis la virton.

Estas notinde, ke la germana vorto „aufklären“ aperis preskaŭ samtempe en la Zürich-a rondo kaj en la „Hamburger Patrioten“ (la Hamburg-a Patrioto), la dua grava morala semajngazeto en la germanlingva landaro. En la jarkolekto 1724 de tiu ĉi ĵurnalo troviĝas la frazo: La anglajn semajngazetojn „Spectator“ (Rigardisto) kaj „Guardian“ (Gardisto) „oni donis potage

---

*) Vidu: D-rino Elisabeth Heimpel-Michel, „Die Aufklärung“, Langensalza 1928 (La klerigepoko).

en la manojn de gejunuloj, kies animoj por tio frue pliklariĝis". Ankaŭ la verkisto Gottsched uzadis en sia morala semajngazeto „Vernünftige Tadlerinnen" (Leipzig 1727) (= Rezonkapablaj Mallaŭdantinoj) la novan esprimon en la kombino: la intelekton klarigi-klerigi.

Do, tra Zürich kaj Hamburg venis la angla esprimo klera (angle: enlightened) epoko al Germanlando. Komence de la 18-a jarcento multaj Zürich-aj studentoj vizitadis nederlandajn universitatojn, kie ili konatiĝis kun la angla spirita vivo (vidu: Martin Hürlimann, „Die Aufklärung in Zürich", [La klerigepoko en Zürich], Leipzig 1924).

En „Perdita Paradizo" de Milton (1667) la vorto „to enlighten" (eklumigi) havas religian signifon. Sed Zinzendorf, la pietista estro de la Herrnhut-a Frataro, skribis en sia morala semajngazeto „Dresdener Sokrates" (= Dresden-a Sokrates) (1747) tute ironie: „Ni vivas — kiel oni scias — hodiaŭ en tre kleraj tempoj". — En religiemaj rondoj — verŝajne — oni rifuzis la terminon klerigi pro ĝia racionalisma karaktero."

La esprimo klera aludis la klarajn abstraktaĵojn. Tial verŝajne la racionalismuloj en Zürich kaj Hamburg preferis al la vorto „erleuchten" (= eklumigi) la terminon „aufklären" (klarigi-klerigi). La respublika spirito kaj la socia situacio rezultigis en Zürich edukecan tendencon: oni volis disvastigi kleron. Lernulo de Bodmer kaj Breitinger enkondukis la vorton „aufklären" (klarigi-klerigi) en la pedagogian literaturon, nome Johano Georgo Sulzer, mortinta la 25-an de Februaro 1779, eldonis 1745 sian junaĝan verkon „Versuch einiger vernünftiger Gedanken von der Auferziehung und Unterweisung der Kinder" (=Provo de kelkaj prudentaj pensoj pri la eduko kaj instruado de infanoj). En la pligrandigita eldono 1748 oni povas legi la frazon: La ĉefcelo de la instruado estu, klerigi (germane: aufzuklären) la intelekton de la infanoj kaj profundigi ilian juĝadon.

Unufoje troviĝas ankaŭ la kombinaĵo „aufgeklärter und erlauchter Verstand" (= klerigita kaj lumumita intelekto), cetere skribadis Sulzer ĉiam nur „erlauchter Verstand" (lumumita intelekto). Tute kontraŭkutime elektis Sulzer oftege la terminon „Erklärung" (= interpreto, difino); sur kelka paĝo tiu ĉi vorto staras pli ofte ol dekfoje. Per difinoj la lernanto akiru „klarajn ideojn" (germane: „deutliche Begriffe").

„La unua celado en la infaneduko rilate al la intelekto estas do tio, ke oni gvidadis infanojn al tio, ke ili ricevu tiel plej eble klarajn ideojn pri ĉio. Tiu ĉi frazo estas inda, per oraj literoj muren esti skribata en ĉiu lernejĉambro." . . . Por ke la instruado estu perfekta, la instruisto devas esti ega teorieca filozofo, kiu ekkonas tuj la plej malgrandan eraron. En lia intelekto lumu hela suno." (Sulzer.) Li postulas plue: La instruisto klarigu plej klare al la gelernanto ĉiun neklaran vorton el rakontoj. Krom la esprimo: la intelekton klarigi, skribas Sulzer ankaŭ jam la kombinaĵon: „Bildung des Verstandes" (= formigo de la intelekto). Meze de l' 18-a jarcento estis uzata la termino „Aufklärung" jam en duobla senco: klereco kaj klarigo. Klerecon kaj klerigon signifas la vorto „Aufklärung" en fama parolado de Morawitzky 1769: „La klerigo (germane: Bildung) de la koro estas efiko de la klereco (germane: Aufklärung) de la intelekto."

Dum la lasta triono de la 18-a jarcento okazis senvaloriĝado de la vorto „Aufklärung" (= klero, klerigo). Oni parolis pri „kleraĉo" kaj „klerigmanio". La tiama juna generacio — precipe Herder — malakceptis la esprimon kler-

igo. Kant kaj Mendelssohn eldonis samtempe (1784) siajn traktaĵojn „Kio estas klerigado?“ Delikatsentaj pedagogoj ne plu preferis la vortfamilion el la radiko k l e r—. Isaak Iselin, la patreca amiko de Pestalozzi, uzadis kelkfoje la formon participan „aufgeklärt“ (= klarigita en la senco de klera), sed pli ofte la esprimojn: eklumigo, disvastigo de lumo, eklumigita. Li kontraŭstarigis la terminojn k l a r a kaj k o n f u z a (rilate al ideo, abstraktaĵo).

Pestalozzi skribis en 1779 al Iselin: „Ne eklumigo sed amo bonformas (germane: bildet) la homon. Li evitadis laŭeble la vorton k l e r i g o; eĉ la esprimon e k l u m i g o li uzadis tre ŝpareme. En la programeca „Abendstunde eines Einsiedlers“ (= Vesperhoro de eremito) li diras: „Eklumigo de Dio estas amo, saĝeco, patreco.“ Tre ofte li elektis la vorton „Bildung“ (= bonformado).

Estas tre notinde, ke la noblanima filantropisto Salzmann en sia pedagogia romano Karl von Karlsberg (1784) skribis: „Ho, se vi povus difini por mi, kio estas la vera klero?“ En lia eduka romano „Konrad Kiefer“ (1796) troviĝas kelkfoje la termino k l e r a (germane: aufgeklärt), sed en sia famkonata verko „Ameisenbüchlein“ (= Formiklibreto) de la jaro 1806 li skribis anstataŭ „aufgeklärt“ (= klera) „gebildet“ (= bonformita).

En la 19-a jarcento malaperis la termino Aufklärung en la senco de klerigo el la pedagogia literaturo germana kaj estas anstataŭita per la terminoj Erziehung (= eduko) kaj Bildung (= bonformado) aŭ sinformado. Do, la Esperanta vorto k l e r a estas heredaĵo el la kultursituacio de la 18-a jarcento en Okcidenteŭropo.

La vorto klerigo aludas meĥanikan procedon, tamen oni intencas kvazaŭe organikan procedon. La scienculoj en la 18-a jarcento ne diferencigis inter meĥanika kaj organika.

La esprimo klerigo havas negativan sencon: ion malhelan flankenigi, ion malklaran malaperigi. Sed la termino de la pedagogia ĉefprocedo devas aludi la evoluon de io, kio jam ekzistas kiel ĝermo en ni.

## Enketo de la Internacia Oficejo por Edukado

**pri**

**„Porinfana Literaturo kaj Interacia Paco“.**

La Internacia Oficejo por Edukado nuntempe forsendas programon kaj tiurilatan demandaron, pri kiuj ni atentigas niajn legantojn, petante ilin. laŭforte subteni ĉi tiun novan laboron de Prof. D-ro Bovet.

**Celo:** La direktoro de la nomita instituto, Prof. s-ro Bovet, kaj la instituta sekretariino, Marie Butts, intencas aranĝi ekspozicion en Genève dum Julio 1929 kaj eldoni por ĝi analizan katalogon, kiuj rilatas:

1. La librojn, kiuj celas veki en la infanoj la spiriton de internacia kunlaboro;
2. la librojn plej ŝatatajn de la infanoj, kiuj priskribas la vivon de la koncerna lando;
3. klasikajn porinfanajn librojn el ĉiuj landoj, kiuj estas kvazaŭ komuna trezoro por infanoj de la unuopaj landoj;
4. bildolibrojn, kiuj montras la saman celon kiel sub 1 kaj 2;
5. librojn skribitajn de infanoj.

**Fontoj:** Ili estu la jenaj:

1. esploroj, jam faritaj kaj publikigitaj en diversaj landoj, rilate la legaĵojn, la guston ktp. de la infanoj kaj katalogoj rilatantaj tiajn esplorojn;
2. esploroj en bibliotekoj (bibliotekoj porinfanaj, porlernejaj ktp.);
3. esploroj ĉe eldonistoj kaj librovendejoj;
4. esploroj ĉe instruistoj;
5. esploroj ĉe gepatroj;
6. esploroj ĉe la infanoj mem, en kaj ekster la lernejo;
7. esploroj individuaj.

---

Por efektivigi ĉi tiun programon la Internacia Oficejo por Edukado bezonas ankaŭ la helpon de la IPR-anoj kaj petas la interesulojn el nia rondo, respondi al jena demandaro.

**Demandaro:**

1. Kiuj estas la porinfanaj klasikuloj de via lando?
2. a) Kiuj verkoj, priskribantaj la vivon en via lando, estas precipe ŝatataj de la infanoj?
   b) Kial vi citas ĉi tiujn verkojn kiel la plej ŝatatajn? (Ĉu sur bazo de statistiko? de esploroj? de personaj spertoj?)
3. Ĉu vi konas en via lando librojn, kiuj celas veki en la infanoj la spiriton de internacia kunlaboro?
4. Ĉu vi konas bildolibrojn,
   a) kiuj celas veki ĉi tiun spiriton en la infanoj?
   b) kiuj priskribas la vivon de la infanoj en via lando?
5. Ĉu en via lando ekzistas libroj skribitaj de infanoj?
6. Ĉu vi scias, ĉu oni tradukis unu aŭ kelkajn de la de vi cititaj libroj en fremdan lingvon? en kiu(j)n?
7. Ĉu similaj enketoj, kiel la nia, jam estas faritaj en via lando? Kiam? De kiu?
8. Ĉu oni publikigis la rezultojn? Ĉu vi povas citi gazetartikolojn aŭ librojn, kiuj rilatas tiajn enketojn?
9. Ĉu vi konas personojn (eldonistojn, librovendistojn, bibliotekistojn, instruistojn, gepatrojn ktp.) aŭ unuiĝojn, kiuj havos intereson por nia enketo, kaj ĉu vi povos doni al ni la koncernajn adresojn?
10. Ĉu vi deziras esti informata pri la rezulto de nia enketo?
    (NB. Bonvolu, citante librojn, informi nin pri la preciza titolo kaj, se eble, pri la eldonisto kaj la nombro de la paĝoj, pri la aĝo kaj sekso de la infanoj, por kiuj ĉiu libro precipe taŭgas laŭ via opinio. — Bonvolu ankaŭ diri ion pri la speciala valoro aŭ manko de la unuopaj libroj. — Niaj esploroj rilatas librojn por infanoj de 3—16 jaroj. Do, la vorto „porinfana libro“ estas vasta.)

---

Ni petas niajn legantojn, kiuj respondos la demandaron, sendi siajn respondojn rekte al: **Bureau International d'Education, Genève, 4 Rue Charles Bonnet,** aludante tion, ke ili estas instigitaj al raporto per IPR.

# La Kongreso de „World Federation of Education Associations“

(Mondfederacio de Edukaj Asocioj)
25. Julio ĝis 4. Aŭgusto 1929
en Genève (Svisujo).

Mi jam en la 1-a numero de IPR en ĉi tiu jaro raportis pri la du gravaj kongresoj okazontaj 1929, unu en Genève, la alia en Helsingör (bonvolu kompari N-ro 1, paĝ. 11—14 mian artikolon „La tempo fariĝis matura“ kaj la sekvantan artikolon paĝ. 14—15 pri „Kongreso de la Mondfederacio de Pedagogiaj Societoj“).

Intertempe en nia „Laborkomisiono por TAGE“ (pri kiu vi trovos raporton en ĉi tiu numero) ni decidis la jenon:

1. La taskon, aranĝi ion en Helsingör, prenas sur sin kolego M. Goldberg interkonsente kun D-ro Riedel, nia IPR-redaktanto.

2. La taskon pri Genève — minimume por la preparo de ĉiuj antaŭlaboroj — mi prenis sur min kaj ankaŭ la taskon, korespondadi pri la kongreso kun Prof. D-ro Bovet.

Mi prezentas al vi, estimataj legantoj, la du lastajn leterojn pri ĉi tiu afero.

En letero (7. II.) al s-ro Prof. D-ro Bovet, mi petis lin diri, ĉu li konsentos la jenajn proponojn:

1. „Estos permesate al la esperantistaj gekolegoj, vizitontaj la kongreson en Genève, paroli Esperanton dum la kunsidoj de la sekcioj V—VII en la diskuto de la pritraktotaj temoj.“

2. Estos aranĝata unu el la kunsidoj en unu el la 3 sekcioj tiamaniere, ke en ĝi ni havos oficialan alparoladon en Esperanto pri la temo: »Kiel la celoj de la World Federation povas esti progresigataj kaj subtenataj per la mondhelplingvo Esperanto?« La diskutado de la temo okazu en Esperanto.“

Mi aldonis: „Tia speciala kunsido (kiel eksperimento iom simila al la pli granda eksperimento de la iama pedagogia konferenco en Genève sub via gvidado) kompreneble nur tiam havus sukceson, se la oficiala komitato de la World-Federation-Kongreso oficiale invitus siajn membrojn el plej diversaj landoj, partopreni ĉi tiun kunsidon, kiel aŭskultantoj, kiuj kontrolu, ĉu kaj kiel Esperanto taŭgas kiel kongreslingvo kaj kiamaniere ĝi plenumas ĉiujn taskojn de internacia interkomprenilo. Alie — t. e. sen oficialigo de la kongresdirektantaro mem — ĝi kompreneble restus vana kaj senefika kaj nura esperantista entrepreno, kiu ne valorus la penon.

Certe la plej bona kaj efika „oficialigo“ okazus tiam, kiam vi mem povus kaj bonvolus preni sur vin la prezidon de tia kunsido. —

Tuj post ricevo de jesa respondo de vi, mi raportos en IPR, klarigos la situacion kaj petos gekolegojn el ĉiuj landoj, veni al Genève kaj sufiĉe frue al mi raporti pri sia alveno, por ke mi povu disdoni la rolojn pri la diskutado de la proponita temo (kiu kompreneble estas nur „propono“, facile anstataŭebla per alia).

Se ni volas atingi certan sukceson, estas plej urĝa tempo, prepari ĉiujn detalojn kun niaj kolegoj, ĉar ni ankoraŭ havas nur 4 monatojn, kiuj devas esti eluzataj per ĉiuj fortoj.“

Sub la dato de la 12. II. 29 mi ricevis de s-ro Prof. Bovet la jenan respondon:

„Ni tre dankas pri via letero de la 7. 2. 29 kaj pri via antaŭlaboro por la Ĝeneva Kongreso.

Ni povas jesi ĉiujn viajn demandojn. En ĉiuj sekcioj la esperantistoj rajtos paroli Esperante, kaj oni tradukos en la traduklingvon elektitan de la partoprenantoj. Kaj en la sekcio, por kiu Esperanto estos oficiala lingvo, oni tute ne bezonos traduki la parolojn de la esperantistoj.

Principe mi akceptas prezidi la kunsidon, pri kiu vi parolas en via demando 2. Ni povos vidi lastmomente, ĉu estas pli oportune, ke alia persono faru tion.“

Do, nun la situacio fariĝis sufiĉe klara por ni kaj mi petas vin, karaj gekolegoj,

pripensi, ĉu vi povos kaj ĉu vi volos partopreni la gravan kongreson en Genève, por tie efike propagandi nian aferon.

Bonvolu sendi respondojn pri ebla partopreno, sugestojn, demandojn ne plu al kolego Goldberg, sed rekte al mi, por ke mi ricevu ĉion kiel eble plej baldaŭ.

Nur post kiam mi estos konstatinta, ĉu kelkaj gekolegoj kaj kiuj intencas sekvi la proponon de TAGE pri partopreno en Genève, mi povos aranĝi la aferojn sufiĉe taŭge kaj kontentige.

D-ro Dietterle,
Leipzig W. 31, Seumestr. 10.

---

## La Kongreso de la „Nacia Sindikato“ instruista en Francujo.

La jara kongreso de „Nacia Sindikato“ (la plej granda franca organizaĵo instruista, konsistanta el 80 000 membroj kaj aliĝinta al C. G. T.-landorganizaĵo tutlaborista Amsterdama) okazis en urbo Ren (Rennes) en Bretonio, la 4, 5, 6-an de aŭgusto 1928 en la laborborso.

Lapierre (Lapjer'), sekretario de FIAI (Federacio Internacia de l' Asocioj Instruistaj, ne sindikalista, sed burĝe pacifista) raportis pri la vojaĝo de la delegacio de 42 francaj instruistoj en Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio kaj Germanio, aludante nek pri la financigo (monhelpo) de la burĝaj departementaj kaj komunumaj kasoj, nek pri registara donaco de kelkaj pliaj libertagoj al Paska libertempo al la delegitoj, nek pri protesto de la aŭstria sindikato Amsterdama kontraŭ la celo de la delegacio (kunveno en Berlin de burĝa FIAI) nek pri la fundamenta malkonsento en Berlin (dum kunveno de FIAI) pri la principo de „senkonfesia instruado“ (laika lernejo), kiun ne akceptis la germana kaj angla instruistaj asocioj.

La jena rezolucio estas akceptita:

„La kongreso de Nacia Sindikato aprobas la agadon en FIAI laŭ duobla programo de pedagogia kunlaboro kaj pacifisma kooperado, konstatas la kontentigajn rezultatojn akiritajn per Berlina kongreso kaj vojaĝo de la delegacio en Germanio kaj Centra Eŭropo, kaj decidas enskribi en la tagordon de sia kongreso en 1929 la demandon (temon) jam enskribitan en la tagordon de Deutscher Lehrerverein (Germana Instruista Ligo): „La lernejo por servo al reamikiĝo de la popoloj“.

Tiu rezolucio, kiu montras ke nacia sindikato emas labori pli en FIAI burĝa pacifisma ol en SPI (sekretariejo profesia instruista kuniganta en Amsterdam kelkajn instruistajn sindikatojn) estas respondo al kritiko de Amsterdamaj instruistaj sindikatoj kontraŭ burĝa internacia agado de Nacia Sindikato.

La kongreso sendis protestan telegramon al: publikinstrua ministro Herriot (Erjo') kontraŭ la puna alipostenigo de instruisto Francois (Fransŭa'), instruista departementa konsilanto en departemento Calvados (Kalvados') pro politika agado kontraŭ politikeminentulo. Estas rimarkinde, ke Herriot estas la eks-estro de la t. n. maldekstra Bloko (radikala burĝa partio demokrata) por kiu propagandis la Nacia Sindikato dum la balotoj de 1924.

La raporton de Boulanger pri naciigado de instruado (monopoligo ŝtata) kontraŭbatalis la fama maljuna Ferdinand Buisson (la sama kiu direktis la verkadon de la granda „pedagogia vortaro“) je la nomo de la libereco. Sed la kongreso tamen akceptis la konkludojn de la raporto entenatajn en jena rezolucio: „La kongreso decidas proponi al C. G. T. (reformista) al Instruada Ligo (demokrata) kaj al ĉiuj avangardaj organizaĵoj interesataj pri popoledukado kaj proletemancipo, ekpreni sur sin la iniciaton de tutlanda peticio (petskribo) favore al voĉdono de leĝaranĝoj starigontaj: 1-e plibonigon de la lernjararo (lerntempo nun limiĝas je 13-a jaro); 2-e devigan postlernejan instruadon de la adoleskuloj; 3-e

naciigadon (ŝtatmonopoligon) de l' instruado.

La lasta kongreskunveno estis dediĉata al debato pri defendo de laika lernejo (raportinto: Burel). La kongreso denuncis la alarman (maltrankviligan) situacion de laika (senkonfesia) lernejo en Okcidenta Francio, kie superregas la pastroj kaj konfesiaj lernejoj — ĝi konstatas la indiferentecon de la Registaro kaj Parlamento rilate al tiu danĝero kaj ĝi denuncas tiun „kulpan indiferentecon" antaŭ la publiko.

M. Boubou, (El TEPS).

## Sindikato de Germanaj Popolinstruistoj.

(Gewerkschaft Deutscher Volkslehrer, G. D. V.).

Je la 28-a kaj 29-a de Decembro 1928 okazis la jarkunveno de G. D. V. en Braunschweig.

Tiu-ĉi asocio estas la sola unuiĝo germana instruista, kiu estas libera sindikata asocio. Ĝi aliĝis al la ĝenerala oficistunuiĝo germana Allgemeiner Deutscher Beamtenbund (A. D. B.) kaj al la profesia sekretarejo de la instruistoj en la Internacia Sindikata Asocio (Amsterdam).

La programo de G. D. V. diras:

„La G. D. V. opinias, ke laŭ-principa interkonsento inter kapitalo kaj laboro ne estas ebla. Pro tio la asocio volas helpi en mobilizo de ĉiuj spiritaj kaj materiaj rimedoj nacie kaj internacie por la definitiva venko de la laboro super la kapitalo."

La G. D. V. celas la mondumiĝon (senkonfesiigon) de la edukado kaj instruado.

La kunveno komencis per kunsido de la junaj instruistoj. La referento W e i g e l t - Berlin diris:

La plej granda mizero de la instruistoj junaj estas en Preussen, kaŭzite de la cedo de prusaj teritorioj. De 1920—28 devis atendi 30 000 junaj instruistoj, t. e. kvarono de ĉiuj geinstruistoj prusaj. Malgraŭ tio ankoraŭ hodiaŭ 15 000 instruistoj atendas, ke la ŝtato al ili donas oficon, kaj 5 000 vivas kiel malbone salajrataj helpinstruistoj. Pro tio la G. D. V. kontraŭbatalas la aranĝon de la akademioj pedagogiaj, kiom longe ankoraŭ miloj da junaj instruistoj estas senoficaj; ĝi kontraŭbatalas la preferon de la akademianoj por la ofico. Ĝi akcelas la alkalkulon de la atenda tempo, la oficigon sen polica atesto pri konduto, reenmeton de la subtenantaj monoj.

Je dua tago, la prezidanto J o r n s - Braunschweig malfermis la kunsidon. La reprezentanto de la profesia sekretariejo de la instruistoj en la Internacia Sindikata Asocio (I. S. A.) P o s t h u m u s - Amsterdam, donis skizon pri la situacio de la lernejoj kaj instruistoj en la aliĝintaj landoj. Pli ol 100 000 instruistoj aliĝis al la I. S. A. (Amsterdam). La belga libera asocio de instruistoj ĵus aliĝis.

Poste parolis la estinta socialdemokrata turinga klerig-ministro G r e i l pri „La kolegeca lerneja administrado".

La plej gravaj decidoj de la kunveno estis:

1. Al la programo de la GDV estas aldonata: „La GDV pledas por protekto de la suvereneco de la lernejo kaj por la garantio de memstareco de edukado kaj instruado, libera de influoj de la eklezioj kaj mondperceptaj unuiĝoj.

2. Al la regularo: „La nomo de la Asocio estas estonte: Ĝenerala libera instruist-asocio de Germanujo."

3. La GDV subtenas, kie estas la kondiĉoj, la fondon de senkonfesiaj lernejoj.

4. La GDV invitas ĉiujn membrojn, rezigni la korpan punadon en ĉiu formo kiel malhonoranta por instruisto kaj infano.

5. **La GDV rekomendas, ke ĉiuj membroj lernu Esperanton kaj plej forte subtenu la lernadon de Esperanto en la lernejoj.** (Geinstruista internacia asocio estos nur ebla, kiam estos uzata komuna mondhelplingvo.)

6. La kunveno de la GDV rifuzas ĉiun konkordaton inter ŝtato kaj eklezio same kiel ĉiun kontraktan koncesion financan kaj kulturan kaj ĉiun transdonon de rajtoj de la ŝtato al la eklezio.

Kiel prezidanto estis elektata **Schallock**-Berlin (membro de la prusa regna parlamento), redaktoro de la „Popolinstruisto“: D-ro von **Bracken**-Braunschweig.

(Fritz Arndt.)

---

# Enketo pri publika Instruo.

La 18-an de Decembro 1928 okazis la prelego de s-ro **Adolphe Ferrière** en la Internacia Edukoficejo, kie antaŭ kutima ĉeestantaro de B. I. E.*) li parolis pri siaj vojaĝoj al Aŭstrujo, Hungarujo, Rumanujo, Konstantinoplo kaj Anatolio. En ĉiuj tiuj landoj s-ro Ferrière enketis pri la kondiĉoj de ĉiugrada publika instruado. La vojaĝon li entreprenis sekve de instigo de Fuad Bey en Smyrne, kaj rezulte li sukcesis fondi tri novajn sekciojn de B. I. E. en Turkujo.

Komencante per Vieno (Aŭstrujo) la preleganto rakontis pri tre interesaj konstatitaj progresoj en la instruado kaj samtempe notis kelkajn difektojn. Li menciis la gimnastikan ritmikan lernejon, fonditan en **Kastelo de Laxenburg** de malnova lernantino de **Helleraŭ**-lernejo, kie la instruado, ne estante entute konforma al instruado en la svisa Instituto de Jacques Dalcroze, inspiriĝis tamen de samaj principoj, laŭ kiuj la muziko estas ĝia ĉefa celo.

S-ro Ferrière longe restis ĉe la instruado de desegno laŭ Cizek kaj Rothe kaj rondirigis rimarkindajn specimenojn de tiu metodo.

Rilate al Hungarujo la preleganto atentigis la ĉeestantojn pri la speciala mentaleco rezultanta el la traktato de Trianon kaj el malfeliĉa komunista eksperimento. Tiu mentaleco tre timas ĉiujn novigojn, ĉiun internaciismon; ĝi estas nura aristokrata, reakcia. Sendube tio estas fenomeno transira.

En Rumanujo, kie s-ro Ferrière troviĝis tuj post la falo de liberala reĝimo kaj ekstarigo de kamparana reĝimo, li trovis du apudmetitajn landojn, kies asimilacio ne ankoraŭ realiĝis. La parto de la lando, kiu estas hungara, havas mentalecon pli okcidentan, pli eŭropan ol la parto orienta; la malnova reĝolando ignoras la fakton, ke la nova Rumanujo ne parolas alian lingvon krom rumanan kaj iom da hungara, la antaŭa registaro en **Budapest** parolis francan lingvon pli bone ol la nacian kaj prezentis je supraĵa observo kvazaŭ parizan brilon, kapablan iluziigi. S-ro Ferrière opinias, ke oni devas fidi al la nova reĝimo kaj lasi la tempon efektivigi la programon en la sfero de instruado same kiel en la aliaj.

Pasante al Konstantinoplo la preleganto ŝajnas ne havi grandan simpation por tiu-ĉi urbo, kie la orienta elemento estas la ĉefa kaj donas al la tutaĵo duspecan karakteron; oni renkontas tie frapantajn kontrastojn inter la modernismo ne tre bonkvalita kaj malnovaj nemoveblaj tradicioj.

Kia diferenco en Anatolio! Klarvideble, ke s-ro Ferrière estis ravita de la Nova Turkujo de Kemal. Li ĉeestis tie al la provpeno de renovigo eksterordinara, al la nevenkebla volo je vivo kaj al la restarigo de la tuta popolo sub instigo de fidinda estro. Laŭ la opinio de la preleganto tute ne estas mirindega la facileco, kun kiu la turka respubliko forskuis la islaman jugon, ĉar neniam la turkoj estis profunde konvinkitaj mahometanoj kaj nature ili revenas al manikeismo — kiu estis ilia ĉiama natura religio. Koncerne la reformon de skribmaniero (enkonduko de latina alfabeto) ĝi estas giganta novigaĵo, per ĉie alie ĥimero. Ĝi sukcesos, ĉar la turka popolo soifas instruiĝi, scii legi, kaj nur la nova skribmaniero kontribuos al la normala disvastigo de publika instruado. La antaŭa

---

*) B. I. E. = Bureau International d' Education = Internacia Edukoficejo.

turka skribmaniero estas privilegio de intelektuloj kompare malmultenombraj; ĝi neniel povas esti ilo por la instruado universala kaj deviga. Ĉiuj Turkoj nun sin ekzercas en silabado. La sekvoj de tiu-ĉi reformo estas nekalkuleblaj. Tiuj plenesperaj kaj fidemaj paroloj finis la interesan prelegon de s-ro Ferrière. kiu estis prezentita kaj dankita de s-ro Prof. Pierre Bovet. N. Oumansky.

---

# Postmilita Stato de la lernejoj en Jugoslavujo.

Dum la mondmilito la lernejoj en Serbio estas fermitaj pro nesufiĉa nombro de geinstruistoj. Oni malfermis ilin je la fino de la vintro 1918 kaj la komenco de printempo 1919. La nombro da gelernantoj estis tiom granda, ke ili devis ellerni po du klasŝtupojn dum unu lernejjaro. Tial estas malfermitaj multaj klasoj en jam ekzistintaj lernejoj kaj novaj lernejoj.

Laŭ deklaro de la ministerio por publika instruado la nuntempa stato de jugoslavaj lernejoj estas jena:

**A) Popollernejoj:**

| Lernejjaroj | Nombro de lernejoj | gelernantoj | geinstruistoj |
|---|---|---|---|
| 1918—19 | 5 160 | 658 876 | 11 064 |
| 1919—20 | 5 974 | 800 868 | 12 458 |
| 1920—21 | 6 422 | 908 002 | 14 754 |
| 1921—22 | 6 660 | 988 880 | 16 225 |
| 1922—23 | 7 291 | 907 522 | 17 719 |
| 1923—24 | 7 368 | 882 265 | 17 216 |
| 1924—25 | 7 208 | 786 324 | 17 576 |
| 1925—26 | 7 316 | 753 558 | 18 201 |
| 1926—27 | 7 344 | 704 998 | 19 304 |

Oni vidas, la nombro de la geinstruistoj kreskas depost la unuiĝo je 1 000 pojare.

La nombro de la geinstruistoj laŭ nacioj en 1926—27 estis: Jugoslavoj: 17 573; rusoj: 238; slovakoj: 86; aliaj slavoj: 72; germanoj: 566; madjaroj: 460; rumanoj: 30; italianoj: 8; judoj: 25; turkoj: 170; albanoj: 67; aliaj nacianoj: 9.

La nombro de la gelernantoj en la sama jaro laŭnacie estis: Jugoslavoj: 609 525; rusoj: 1 473; slovakoj: 6 706; aliaj slavoj: 3481; germanoj: 34 505; madjaroj: 30 525; italianoj: 479; judoj: 1868; rumanoj: 3475; turkoj: 5298; albanoj: 6991; alinacianoj: 672.

En 1926—27 estis 291 amuzlernejoj kun 24 884 infanoj kaj 2132 ripetlernejoj (Wiederholungsschulen) kun 90 577 gelernantoj. Urbajn lernejojn oni havas 10, vilaĝajn 90, ŝtatajn 99, aliajn 1%.

La plimulto da lernejoj havas la ŝtatan lingvon kiel instrulingvon (93%), la madjaran 4% (269 lern.), la germanan 2% (171 lern.) kaj aliajn lingvojn 1%.

Laŭ diversaj leĝoj la lerndaŭro en la popollernejoj estas: 4, 5 aŭ 6 jaroj; meznombre 4 jaroj

**B) Porinstruistaj Lernejoj:**

La nombro de porinstruistaj lernejoj (24 en 1918—19) kreskis dum 10 jaroj ĝis 40 krom 5 privataj, kiujn oni likvidas. La nombro de la gelernantoj en ĉi tiuj lernejoj kreskis de 3 330 en 1919 ĝis 8 160 en 1927. Bedaŭrinde mankas statistiko pri profesoroj de ĉi tiuj lernejoj.

Laŭ nuna leĝo la lernado en porinstruistaj lernejoj daŭras 4 jarojn, sed laŭ nova leĝprojekto la porinstruista klerigo devos esti egala al la universitata klerigo.

**C) Mezgradaj lernejoj (gimnazioj):**

Post la mondmilito niaj gimnazioj estis en tre malbona stato. Estis nur malmultaj profesoroj; kabinetoj kaj instruiloj estis ruinigitaj. Unuatempe oni instruis kiel eble plej bone, oficigante ofte popolinstruistojn kaj rusojn. La nombro da gimnazioj kreskis de 120 ĝis 174 en 1918—19. En la sama jaro estis 2 053 instruistoj (profesoroj, instruistoj kaj aliaj) kaj 42 675 gelernantoj kaj en 1919—20: 2 656 instruistoj, 134 lernejoj kaj 55 482 gelernantoj. La nombro da profesoroj konstante kreskis en la sekvintaj jaroj, ke oni nombris en 1927—28: 3 351 geinstruistojn, 86 000 gelernantojn kaj 174 lernejojn. La lerndaŭro en niaj gimnazioj estas 8 jaroj. Post tiu tempo la gelernantoj estas maturaj por viziti la universitaton.

Krom gimnazioj ekzistas ĉe ni t. n. burĝaj lernejoj (malsupera gimnazio) kun lerndaŭro de 4 jaroj kaj ekonomia karaktero. (Statistiko pri ili mankas).

**D) Universitatoj kaj superaj lernejoj:**

Antaŭ la unuiĝo ekzistis nur universitato en Belgrad kun 3 fakultatoj (jura, filozofia kaj teknika) kaj en Zagreb kun 4 fakultatoj (jura, teologa, filozofa, kaj medicina). Krom tio ekzistis ankaŭ en Zagreb teknika superlernejo kaj ekonomia-komerca superlernejo. Post la milito la Belgrada universitato gajnis ankoraŭ 3 fakultatojn: medicinan, teologan kaj agronoman. Krom tio estas fonditaj jura fakultato en Subotica kaj filozofia en Skaplje. Ĉe la Zagreba universitato ankaŭ estas fondita veterinara fakultato kaj la superan teknikan lernejon oni aligis kiel fakultaton. En 1919 estas fondita universitato en Ljubljana kun fakultatoj jura, filozofia, medicina (2 jaroj), teknika kaj teologia.

Post la milito ankaŭ estas fonditaj 2 superaj pedagogiaj lernejoj en Belgrad kaj Zagreb. Ĉi tiujn lernejojn geinstruistoj nur povas viziti post 3-jara oficdaŭro. Tiuj, kiuj vizitas pedagogian lernejon, ricevas duonan instruistan salajron.

La nombro de la studentoj jaro post jaro pligrandiĝas.

**E) La arto:**

Ĉe la publika ministerio estas fondita 1919 la arta oficejo, kiu prizorgas la literaturan, artan kaj teatran vivon. En Zagreb ekzistas ankoraŭ muzika akademio.

El ĉio oni vidas, ke la juna postmilita Jugoslavio progresas kaj baldaŭ staros en la vico de aliaj kulturaj ŝtatoj.

R. Kostiĉ, Jugoslavio.

---

# Instituto por Pedagogia Plikvalifikigado en Moskvo.

En Moskvo estas fondita speciala instituto por Pedagogia Plikvalifikado. Ĝi gvidas korespondkursanojn, aranĝas kursojn en Moskvo por difinitaj specialecoj de eduklaboro; kunvenigas konferencojn kaj kunsidojn en centro kaj provinco por pridiskuti aktualaĵojn de pedagogia praktiko.

Dum mallonga tempo, la Instituto sukcesis vaste disvolvigi agadon por pedagogia plikvalifikado.

La Instituto eldonis jam kelkajn librojn, inter ili estas menciindaj „Minimumaj programoj por instruista plikvalifikado". Nun la Instituto eldonas gazeton dumonatan (de januaro 1929, ĝi estos ĉiumonata) „Pedagogia Kvalifiko". Jam aperis du numeroj. La gazeto traktas teoriajn kaj praktikajn demandojn de kvalifika laboro.

En n-ro 4-5 de „Pedagogia Kvalifiko" estas enmetita esperantlingve laborplano kaj klariga noto de la Instituto por 1929. La laborplano kaj precipe la klariga noto tre detale traktas pri plenumita kaj plenumota laboro en ĉiuj fakoj de la Instituto (Scienc-esplora laboro, starsektoro, korespondkursoj, priservo de periferio k. c.).

La supre citita fakto pri esperanta teksto en grava revuo devas ekinteresi la instruistojn el ĉiuj terpartoj. La interŝanĝo de spertoj, la imitado, la senpera kunlaborado inter tutmonda geinstruistaro ja estas necesega. Do, aŭskultu:

La Instituto tre bezonas pedagogiajn gazetojn kaj ĵurnalojn, scienc-pedagogiajn, k. s. el eksterlando. Senpere aboni ilin estas por ni tute neeble pro konataj kaŭzoj.

Estraro de la Instituto konsentis ekspedi ĉirkaŭ 100 ekz. da „Pedagogia Kvalifiko" kaj aliaj eldonoj al tiuj pedagogoj, institucioj kaj eldonejoj, kiuj sendos al ni verkojn pri supre cititaj temoj. Similan interŝanĝon oni povas organizi sisteme kaj longdaŭre.

Tute vane, ni penis ricevi (eĉ per „Internacia Libro" en Moskvo) pedagogian revuaron nur el Germanio kaj Anglio. Do venis momento por pruvi taŭgecon de esperanta servo.

Nun sciu, ke „Pedagogia Kvalifiko"

ampleksas 150 paĝojn kaj kostas 1 rub. 25 kop. (2,5 germ. markojn). Ĝia enhavo estas ankaŭ tradukita esperanten. En januara numero de „P. K." aperos tradukaĵoj el Teps, IPR kaj „Sennaciulo". Kondiĉe de via kunlaborado, similaj artikoloj aperos ankaŭ estonte.

Traduko de la laborplano nacilingven estas tre dezirinda. Okaze, se vi tradukos, vi nepre sendu specimenon de la represintaj gazetoj por ni. Sur ekspedataj gazetoj kaj ĵurnaloj, skribu esperantlingve titolon kaj se eblas ankaŭ enhavon de la gazeto.

Geinstruistaro! Uzu la okazon por vere utila interprofesia kunlaborado, triumfigu lingvon Esperanto.

V. Juskoviĉ,
Moskvo — centro, M. Haritonovskij, 4
Redakcio de gazeto ‚Pedagogia Kvalifiko'
(El TEPS.)

---

# Laborkomitato de TAGE.

Ĝis la pasinta jaro ĉiujn taskojn, problemojn, laborojn rilate TAGE kaj IPR ĉefe devis solvi la administranto de IPR. Kelkaj malkontentigaj mankoj estis la sekvo de tiu malbona organiza formo. Grava progreso estis, kiam en 1928 Prof D-ro Dietterle aranĝis regulajn kunsidojn de reprezentantoj de „Kunlaborado" de IPR kaj Saksa kaj Germana Asocioj de Esperanto-Instruistoj. Post la ĉefkunveno de la Saksa Asocio, kiu decidis estigon de TAGE-Laborkomitato, tiuj kunsidoj konsentis esti tiuj de oficiala TAGE-Laborkomitato. Apartenas al ĝi de Kunlaborado Prof. D-ro Dietterle kaj F-ino Moelke, la redaktoro kaj la administranto de IPR, la prezidantoj de la Germana kaj Saksa Asocioj de Esperanto-Instruistoj, k-o Haubold-Riesa kaj la sekretario de TAGE. Krome partoprenis la monatajn kunsidojn D-ro Trögel kaj D-ro Döhler.

La ĉefaj punktoj de laborprogramo estas:

1. Progresigo de la laboroj de IALA.
2. Laboro por IPR.
3. Laboro por TAGE.
4. Propagando inter la instruistaro.
5. Speciale en ĉi tiu jaro: Propara laboro por la du internaciaj kongresoj en Genève kaj Helsingör. (Pri la detalaĵoj vidu la artikolon „La tempo estas matura" en IPR 1929, n-ro 1).

Estas supozeble, ke tiu Komitato signifas pli bonan garantiajon por ĝusta solvo de ekestiĝantaj problemoj kaj taskoj el la bona volo de unu persono.

Kritikojn, instigojn, proponojn, informojn sendu al la sekretario de TAGE M. Goldberg, Oetzsch b. Leipzig, Im Lumbsch.

# Nun, Esperanto-Instruistoj, montru vian forton!

Eble la plej profundan efikon por publika propagando de Esperanto inter la instruistaro havos la du internaciaj pedagogiaj kongresoj (25. 7.—4. 8. Mondfederacio de Edukasocioj en Ĝenevo, 8. 8.—21. 8. Internacia Laborrondo por Nova Edukado en Helsingör), kiuj ambaŭ u z o s Esperanton, s e la Esperanto-instruistoj sufiĉe fervore kunlaboros. Por la kongreso en Genève D-ro Dietterle faros la antaŭpreparajn laborojn interkonsente kun Prof. D-ro Bovet.

Se Esperanto sukcesos en tiuj du kongresoj, ni ne plu bezonas zorgi pri propagando. Do vi ĉiuj, ĉu SAT- ĉu UEA-anoj, serioze ekzamenu la eblecon, ĉu vi povas partopreni unu de ambaŭ kongresoj.

Grave kaj dankinde estas, ke Centra Komitato de UEA invitos la instruistojn al tiuj pedagogiaj kongresoj, kvankam en la sama tempo okazos la Universala Kongreso en Budapest.

En la venontaj n-roj IPR detale diskutos la programojn de ambaŭ kongresoj kaj la de ni necesajn preparojn.

Pro partopreno bonvolu **tuj** skribi al M. Goldberg, Oetzsch b. Leipzig, Im Lumbsch. Por partopreno de la kongreso en Genève al D-ro Dietterle, Leipzig W 31, Seumestr. 10. II.

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.